# Aŭstraliaj Esperantistoj

Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj
Nia Espero Nia Forto

**Novaĵa Letero de Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**
NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

auto 29/01/2012 Dudekoka Eldono 2012 30/01/2012 SENDITA


Tiu ĉi letero havas "hiperligiloj" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;

La Informa kaj noma paĝoj nur aperos je la dekaj kaj dekkvinaj eldonoj

La foto en AE 27 moviĝis kaj kovras la nomo Wuhan City. Do jen ĝi estas

武汉, Wuhan City Ĉinio 中国




Espereble la temperaturon altiĝus ĝis nulo hodiaŭ.

Se vi deziras Korektitan kopion AE27 demandu min per retmesaĝon rspring@tpg.com.au;

**Se vi ankoraŭ havas ĉapelajn problemojn, uzu la 'x' metodon kaj mi ŝanĝas por la novaĵletero**

**La novaĵletero estas sendata al 184 retadresoj. Informu la Australiajn Esperantistojn pri viaj ideoj**

Ĉu ni povus havi rapotojn pri ĉiuj Esperantaj kunvunoj?
Minimume kiam, kie, kiom, kiu sufiĉas

**Ne atendu perfekteĉon La morto venas.**

Parenteze la BBC ne nur uzas la anglan lingvon por reklami Esperanton. Vidu http://www.youtube.com/watch?v=Q66tMj-BX3E
Brian Barker esperanto.asocio@googlemail.com

Esperanto-Tago okazos je la 26a de Julio 2012. Je tiu tago, ĝuste antaŭ 125 jaroj, naskiĝis Esperanto pere de la Unua Libro.

Mi serĉas, serĉas erarojn antaŭ mi elsendas "Aŭstraliaj Esperantistoj-n". Tuj post la elsendon , mi trovas ilin!

## *LA UNIVERSALA LINGVO.*



Saluton,

Mi nomiĝas Sam Green. Mi estas oksar-premio-nomumita dokumentfilmisto en Sanfrancisko, Kalifornio. Mi kontaktas vin por sciigi al vi pri mia nova dokumentfilmo nomata *La Universala Lingvo*. Ĉi tiu 30-minuta filmo sekvas la historion de Esperanto, kaj inkluzivas maloftan arkivan filmadon de Zamenhof kaj fruaj esperantistoj, kune kun intervjuoj kun Humphrey Tonkin, Arika Okrent, Renato Corsetti, kaj multaj aliaj.




Esperantistoj estas ekscitataj pri *La Universala Lingvo*! Blogisto Chuck Smith nomis la filmon unu el liaj 10 plej gravaj okazaĵoj de 2011, verkante "Mi dirus, ke la plej granda sukceso de la Esperanto-movado ĉi-jare devas esti *La Universala Lingvo*." Renato Corsetti, eksprezidanto de UEA diris: "Mi spektis *La Universalan Lingvon* kun granda plezuro kaj esperas, ke ĝi sukcesas kiel ĝi meritas. Se oni spektos ĝin televide, tiu pensos pli pri Esperanto. Kelkaj homoj en Kopenhago sin esprimis, ke oni devintus fari pli propagandecan filmon. Ili ne komprenas, ke objektiva filmo estas pli forta."

Vi povas trovi pliajn informojn en nia retejo http://dokumentafilmo.com aŭ nia Fejsbuk-paĝo http://www.facebook.com/EsperantoDocumentary

Dankegon pro via helpo diskonigi tion. Ni ĝojus kunordigi spektadon de la filmo kun vi aŭ oferti rabaton por DVD-oj. Sentu libere kontakti nin ĉe eomovie@gmail.com se vi havas demandojn aŭ eĉ **se vi nur volas diri saluton.**

Bondezirojn
Sam Green kaj la teamo de "La Universala Lingvo"




La EFNSK Zamenhof-tage montris la filmon kaj ĉiuj laŭdegis ĝin

**Se vi ne jam vidis la filmon, estas via perdo**

## Raporteto pri la "meetup" kunveno en Sidnejo la 28an de januaro 2012

9 personoj partoprenis 4 spertaj esperantistoj: Rainer, Dmitry, Anthony kaj Nicole kaj 5 komencantoj (3 el ili venis por la unua fojo). Mi iom parolis pri Esperanto domo, ni kune mangxis, Rainer sufiĉe longe instruis al la komencantoj kaj iom klarigis pri la historio de Esperanto, mi montris filmeton pri la uzo de la pasporta servo en Kroatio kaj alian filmeton pri kial Esperanto estas pli facila ol aliaj lingvoj.

Jaga komentis sur la "meetup" retejo:

It was my 4-th meetup and definitely the best. Teaching by Rainer let me to comprehend some aspects of Esperanto in easy way. Thank You Rainer , Nicole and Dmitri for Your effort.

Nicole <nicole@cryogenic.net>

## EVENT-ALIĜOJ

Estis bone legi en la 27a eldono de *Aŭstraliaj Esperantistoj*, ke almenaŭ 10 aŭstralianoj jam aliĝis al la Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazos en Hanojo, Vjetnamio, de la 28a de julio ĝis la 4a de aŭgusto, 2012. Bone! Kutime inter 10 kaj 15 aŭstralianoj aliĝas al Universalaj Kongresoj. La loko, datoj, kaj adreso por aliĝi al UK-oj daŭre videblas dum ĝis 2 jaroj antaŭ la evento.

Mi demandas, "Kiom da aŭstralianoj (aŭ alilandanoj) jam aliĝis al la Aŭstralia Kongreso de Esperanto, kiu okazos nur du monatojn post la UK en Hanojo?"

Kial mi faras la demandon? Ĉar dum la 19-60aj, -70aj, -80aj, kaj -90aj jaroj, kutime aliĝis al AEA-eventoj ĉirkaŭ 100 homoj.

Post la nuligo de AEA-somerkursaro 2012, mi demandis al la AEA-prezidanto, "Kiam kaj kie okazos la somerkursaroj kaj kongresoj de AEA dum 2012 kaj 2013? Ĉar ili estos niaj plej gravaj eventoj dum tiuj jaroj, estus bone anonci ilin antaŭ la fino de 2011 dum la plej gravaj E-kalendaroj estos aranĝataj, ĉu ne?"

Max Wearing mwearing@internode.on.net

## AŬSTRALIA ESPERANTO-KONGRESO 2012

Dum la unua semajno de januaro, la AEA-prezidanto donis al mi la jenajn "esencajn detalojn" pri AEA-KONGRESO 2012:



Datoj: vendredo la 28a de septembro ĝis lundo la 1a de oktobro, 2012

Loko: Hotel George Williams, 317-325 George St, BRISBANE

(hotela informa hiperligilo )

(Hotel_George_Williams-Brisbane )

Kontaktu: S-inon Kay Andersen, PO Box 186, MOOROOKA, QLD 4105 <kand@ozemail.com.au>

Max Wearing mwearing@internode.on.net



Kelkaj de la familio de mia edzino celebras la Ĉinan novjaron ĉe retoracio Wuhan, Cinio

Roger Springer rspring@tpg.com.au

**Bona ideo estas unu afero.**
**Vivigu ĝin estas alia afero.**

# Kie, kie estas Via letero?



## Vortoj de "Lernu"

**RICELI**

Konscie helpi ŝteliston aŭ rabiston, ricevante la ŝtelaĵojn por ilin konservi, kaŝi aŭ memprofite vendi:

Li ricelas juvelojn.
Li estis punita pro ricelado.
En tiu domo loĝas ricelisto.
Ricelado estas tradicia okupo de nia familio.
Kiam mortis ŝia edzo, ŝi komencis riceli mem.
Mi ne kredas, ke li estas ricelanto.

PARALIZI

1. Perdigi tute aŭ parte la movokapablon:
La vundo paralizis la brakon.
Li sentis, kiel paraliziga / paralizanta veneno fluas laŭ liaj vejnoj, sed li povis fari nenion.
Ŝi estas paralizita en ambaŭ kruroj.
Li estis trafita de paralizo.
Liaj flugiloj paraliziĝis (li perdis la tutan fervoron kaj kuraĝon).
Ankaŭ paralizuloj povas ludi korbopilkon.
2. Malhelpi la agadon de io, la efikon de io:
Tio paralizis mian entuziasmon.



Domoj por 100 milionoj da homoj.je Wuhhan Nenia problem. Ĝis nun malsimilas al Aŭstralio

Ne ĉiu Esperantisto ricevas la "Aŭstraliaj Esperantistoj"n

Mi havas 99 stratadresojn de Esperantistoj kiu ne havas konatan retadreson. Ankaŭ 8 petis ne sendu la "Aŭstraliaj Esperantistoj"n al sin.
Mi nur deziras nomon kaj retadreson.
Alian infomon pri adreso estus bonvenata sed ne devigata
Reklamu ĉe viaj kunvenoj.

Roger Springer rspring@tpg.com.au